# VERDA UTOPIO



LEGADO

Ukijoe (*japana propra pentraĵo*), de Ŝunŝo Kacukaŭa (1726-1792)

Decembro OSAKA, JAPANUJO. 1921

VERDA UTOPIO

INTERNACIA REVUO ESPERANTA

ADMINISTRACIO KAJ REDAKCIO "VERDA UTOPIO" 5265, UEHOMMACHI 7-CHOME, MINAMI-KU, OSAKA, JAPANUJO.

JARABONO: Eksterlando: Yen 1. 70, Enlando: Yen 1. 50, Helpabono Yen 5. 00. Konto ĉe Kajima Banko, Osaka. Poŝtĉekkonto: Osaka No. 55629

VOL. II. DECEMBRO 1921 NO. 12

# La Vivo Bazita Sur La Forto.

"Bono" absoluta ne estas, nur ĝi estas relativa vorto.

Oni intencis difini sencon de "Bono" ne nur per abstraktaj vortoj, sed per konkretaj vortoj, tamen neniu sukcesas.

Kio do estas "Bono"? Filozofo instruas al ni per abstraktaj vortoj: "ĝi estas stato, ke mio konkorde kuniĝis kun substanco de universo", "ĝi estas stato de substanco de mio perfekta", aŭ "ĝi estas elmontrado de substanco de perfekta mio", k.t.p. Sed neniu instruas al ni per konkretaj vortoj, kio ĝi estas.

Do oni povas diri, ke "Bono" estas nur relativa vorto, ĉar oni ne povas trovi konkretan fundamenton en ĝi for de individuo.

"Bono" kaj "Malbono", tiuj ĉi estas nur konceptoj indukitaj de kulturo, kutimo kaj sperto en pasinteco. Kiel oni ne povas trovi absoluta bono kulturon, kutimon kaj sperton en pasinteco, kiuj estas fundamentaj kondiĉoj de tiuj konceptoj, tiel same oni ne povas trovi ilin absoluta malbono. Sekve, "Bono" kaj "Malbono", tiuj ĉi estas abstraktitaj el konceptoj, kies bazo estas tro malklara.

Por ekzemplo, jen estas homo A, kaj li ŝtelis la

monon de B. En tiu ĉi okazo, certe, oni devas trovi malbono tion, ke li ŝtelis la monon de B, se oni prijuĝas lian agon laŭ vulgara morala vidpunkto. Sed tamen estas absurde prijuĝi lin, ke li faris absolutan malbonon. Jen proverbo diras: " eĉ ŝtelisto havas kialon ŝteli ". Tio ĉi ja bone klarigas la aferon.

Sendube, sen kialo A ne faris ŝtelon al la aliulo. Certe, li havis kialon kaj necesecon, ke li devas ŝteli. Tial ke li ne povas vivi, se li ne ŝtelas la monon de la aliulo, kompreneble, li ŝtelis por neceseco de sia ekzistado. Se absoluta malbono estas tio, ke li ŝtelis la monon de la aliulo, ankaŭ devas esti absoluta malbono tio, ke li ekzistas. Sed kiu trovas absoluta malbono fakton, ke homoj ekzistas? Ankaŭ B. havis, kompreneble, kialon esti ŝtelita. Kvankam B havis nenian personan rilaton kun A, tamen li ne rajtas diri, ke neniam en pasinteco li ŝtelis ion ajn de aliuloj aŭ de socio por neceseco de sia ekzistado.

Eĉ se B fiere dirus: " neniam kaj nenion mi ŝtelis, eĉ polveton ", kaj tio estus vera, tamen, sendube, li ŝtelis ion de la naturo. Kiel oni bezonas penadon por ŝteli de la naturo, tiel same ankaŭ oni bezonas penadon por fari ŝtelon al aliulo. Do tiuj agoj devas esti egalaj el vidpunkto, ke por ŝteli estas bezone penado.

Unuvorte, ŝteli kaj esti ŝtelita estas tute relative. Se ŝtelo estas farita por neceseco de ekzistado, kaj se la ekzistado de ni homoj ne estas rigarditaj kiel absoluta malbono, la ŝtelo mem ne estas malbono, nek bono. Tial, se moralo estas vojo, laŭ kiu ni devas marŝi por ekzisto, en si mem ĝi enhavas nek absolutan bonon, nek absolutan malbonon, sed nur " necesecon ". Do, la agoj, kiuj estas farataj por neceseco de ekzistado, devas esti morale permesitaj.

(Daŭrigota).

# SOCIA VIVO

## IMPRESOJ PRI JAPANUJO.

(El notlibro de verema japanamanto)

1.

### Pri la vesto.

Do, jen mi jam estas en Japanujo! En tiu Lando, pri kiu mi tiel longerevis! Multe da impresoj. Mi volas, estante verema, tute sincere skribi pri miaj impresoj neflatante, ne mallaŭdante, ne timante eldiri malkaŝe eĉ kritikan opinion pri io kritikinda.

De kio komenci? Ĉar la unua, kio impresas fremdulon, enpaŝintan la bordon de tiu mirinda Insularego, estas tute nekutima por eŭropanoj vesto de orienta popolo, mi komencos priskribon de privesta impreso. Krom tio unu "filozofo"—kvankam, eble, eĉ kredeble, li ne estis filozofo—ie, iam, iel diris saĝe (eble, nur spirite, sed nesaĝe), ke virino konsistas el tri aĵoj: animo, korpo kaj vesto. (mi opinias ke viroj ankaŭ konsistas same el la tri). Do, vesto estas laŭ filozofo 1/3 da homo, kaj mi—ne filozofo—kuraĝas opinii, ke homo ĉefe konsistas el vesto, parte el korpo kaj fine el animo, kvankam en japanujo estas homoj, kiuj konsistas nur el korpo kaj animo — se tiu lasta ekzistas — ĉar vesto.....malestas. Kvankam iom disputinde, sed vi bonvolu konsenti—ĉar mankas loko por pluaj pruvoj—, ke vesto estas ia gravaĵo, priskribinda.

Mi konfesas, ke japana vesto impresas tre agrable. Mi ĉiam envie rigardas sur rusaj " Ikonoj "—sanktfiguroj —longan, belan, pitoreskan veston de Jesuo Kristo, de apostoloj, de antikvaj romanoj kaj grekoj. Rusaj pastroj, imitante Kriston, uzas longan talaron kun larĝaj manikoj, tre simila al " Kimono ". Jen kial " Kimono " tre plaĉas min. Pri vira vesto mi povas diri, ke nura, " Kimono " ne estas tre bela, kvankam sufiĉe agrabla. " Kimono " kun " Hakama "—longaj larĝegaj pantalonoj, iom similaj al " Sarovanoj " de malgrandrusoj—aspektas nebele, laŭ gusto de eŭropano, sed " Kimono " kun " Haori'o" aŭ la plena kostumo—" Kimono " kun " Haori'o " kaj " Hakama'o " aspektas tute bele, agrable, imponante. La vesto estas tre oportuna, la brusto estas malfermita, ankaŭ manoj kaj parte piedoj, aero libere penetras al korpo kaj " umas " ĝin : tio estas sane. Sajnas nur, ke vintre iom ĝi estas tro libera kaj "bonveniganta " al frosta aero kaj malseka malvarma vesto. Ankaŭ la piedvesto " Geta'o" kaj " Tabi'o" ŝajnas al mi tre oportunaj kaj malmultekostaj. La "Geta'oj"—lignaj piedŝuoj—multe similas tiun de antikvaj orientaj popoloj, ankaŭ tiun de apostoloj. Estas tre facile uzi tiun veston kaj kelkaj tagoj sufiĉas por ĝin alkutimiĝi. Virina vesto ŝajnas al mi ankaŭ tre oportuna, bela, bonaspekta, agrabla, imponanta, sed min ne plaĉas iajoj surdorsaj, kiuj similas gibojn kaj difektas bonan impreson. Speciale dorĉaspektas infanoj kaj knabinoj, junulinoj en iliaj diverskoloraj pitoreskaj vestoj " kiel papilioj ". Mi uzas nur japanan veston kaj sentas min tre oportuna. Sed la eŭropan, pli verdire, la germanan veston mi ne amas, precipe la mankol-umojn kaj kartonbrustumon : mia mortinta patro nomis ilin " premigiloj ", kaj li estis tute prava. Rusa " rubaŝka'o "—ĉemizo—estas sufiĉe oportuna, sed la eŭropjaoj

estas tute ridindaj: kolpremigilo, mancenoj kaj brustŝirmilo, plue kravatoj kiel gangloj de meleagro—kaj jen tio ĉie estas opiniata en la tuta civirizita mondo kiel ia sanktaĵo, dogma rito, kiun neniu povas senpune ignori, ekz., se ĉe salono de vaporŝipo vi ne estas vestita laŭmode, vi restos senmanĝo, ĉar oni vin ne enlasos en la salono de 1a klaso; kaj tio estas la "kulturo" de la XXa jarcento!? ......Modo— kaj modo malsaĝa, malnatura — regas kaj pravigas, ke ne nur homo konsistas el korpo, animo kaj vesto, sed ĉefe el vesto, poste el korpo kaj fine iafoje el animo!......

Esperantistoj, kiel homaranismanoj, devas havi en sia programo ankaŭ la idealon de plisimpligo de l' vivo, kaj devas prediki pereigon de nuntempa idolo: "modo"......

Tiu modo ĉie regas, kaj eĉ en japanujo. Mi tute ne kredis trovi ĉi tie regecon de l' modo, ĉar mi sciis troan patriotismon de japanoj, opiniante, ke almenaŭ pro patriotismo ili ne forlasos belan oportunan nacian veston, sed mi eraris; sur stratoj kune kun "Kimono" kaj "Geta'o" kunregas malbonstila germana jako kun pantalonoj. Se longa nacia vesto tute malharmonias al la naturo de japanlando, la germana vesto tute malharmonias. En gastoj kaj ĉe oficialaj kunvenoj la plej multaj preferas esti ne en "Kimono". Mi ricevis impreson, ke japanoj kvazaŭ hontas sian nacian kostumon. Certe, mi parolas nur pri viroj, sed ne pri virinoj, kiuj alte tenas nacian standardon. En lernejoj ankaŭ multaj infanoj, eĉ infaninoj uzas eŭropan veston!

Sed plej mirinde por mi estis stranga konduto de japanoj kontraŭ mi, uzanta ĉu parte ĉu plene japanan veston. Ne nur simpluloj, sed eĉ inteligentuloj aŭ pliverdire, ŝajneinteligentuloj ne nur mire ekhaltas sur stratoj,

sed tute senĝene ridas; tio estas tre malĝentila kaj montras nebonedukecon. Ĉu japana vesto estas de dioj ricevita, pro kio ŝajnas strange vidi ĝin portata de fremduloj? Ĉu japana vesto estas tia mirindaĵo, ke nur japanoj povas ĝin uzi?! Ĉu ĝia uzado de fremduloj estas tro mallerta kaj tial ridinda?! Ĉu, fine, ĝi estas tiom malbona, ke eĉ japanoj mem ĝin forlasas kaj tial miras tiujn malsaĝajn fremdulojn, kiuj komencas ĝin uzi?! Finfine, en ĉiuj okazoj estas tuta maldelikate malkaŝe ridi kaj eligi okulojn el okulkavoj. En kelkaj lernejoj oni instruas—ekz. en Ikebukuro—lecionojn "Training of mind" por kutimigi japanojn nenion miri, sed evidente ne multaj partoprenis tiujn lecionojn!......

(Daŭrigota)

Siberia pastro Inocento Seriŝev.

---

# Abonejoj de V.U.

### Polujo

Sro. **Adolfo Oberrotman,** ulica Krakowie Przedmiescie, 10, Varsovio.

### Ĉeĥoslovakio

**Administracio de "Ĉeĥoslovaka Gazeto",** Tesnov No. 10, Praha II.

### Brazilujo

Sro. **Fr. Falcao,** Str. Major Facundo III, Fortaleza-Ceara.

# Opa vendejo

### Siberio

**Esperantista Societo "Espero",** Vladivostoko.

# ESPERANTISTA VIVO.

## Kroniko.

**OSAKA**. Dank' al klopodo de S-ro K. Fukuta, de Oktobro estas aranĝata la kunsido de lokaj esperantistoj, ĉe Higaŝi-Kjokai, Jarijamaĉi, Higaŝiku, regule 2 fojojn ĉiumonate: la 1an kaj 3an vendredon, la 7a vespere. —Je la 10. Nov. propaganda parolado estis aranĝita ĉe Y.W.C.A., ĉe kiu paroladis antaŭ 30 p. S-roj T. Ajsaka: pri kristanismo kaj esperantismo, kaj K. Fukuta: pri virina paca movado kaj esperanto.—Je la 13. Nov., profitante la okazon de altetika festo de sia kolegio, la esperantisto-studentoj en Osaka Komerca Kolegio faris viglan propagandon al la urbanoj, kiuj vizitis la feston. Kelkmil propagandiloj kaj afiŝoj estis disdonitaj al ili.—De la komenco de Novembro nove malfermiĝis ĉe la urbana domo kurso sub gvidado de S-ro A. Takao.—Sabaton, 12. Nov. vespere oni aranĝis ĉe la restracio Kasugano adiaŭan kunsidon por S-ro H. Moriuĉi, kiu la 13an Dec. forlasos al Hindujo por komerca afero.

**KIOTO**. Je la 5. XI. vespere la 7a estis aranĝita ĉe Y.M.C.A., Sanĵo, propaganda parolado, ĉe kiu faris paroladon: D-ro Ramstedt, Finlanda ambasadoro, el Tokio, pri "millaga lando Finlando", kaj S-ro K. Takahaŝi, el Ŝizuoka, pri "esperanto kaj aŭtoritato de nacilingvo". La paroladon ĉeestis ĉ. 300 p., el kiuj 50 p. estis virinoj.—Ĉe la Tria Nacia Kolegio kursoj sub gvidado de S-roj Okumura kaj Akimura.—Ĉe la Tekniklernejo kurso kun 50 p. sub gvidado de S-ro Okumura.—Ĉe la Otani Universitato kurso kun 120 p. sub gvidado de S-ro Sakurada.

**SENDAI**. Dank' al klopodo de S-roj O. Muto kaj lia lilo M. Muto, fondiĝis Sendai Esperantista Societo (adreso: por S-ro O. Muto, 79, Nakanomaĉi, Sendai.), kaj Sankta Fratara Asocio (adreso: 136, Higaŝi-Haĉibanĉo, Sendai.), kies membroj, ŝajne, konsistas el liberaj kristanismano-esperantistoj. La lasta jam eldonis belan propagandan poŝt-karton kun teksto en esperanto kaj japana lingvoj.—Je la 17. X. lokaj esperantistoj faris ekskurson al Macuŝima, la plej pentrinda loko famekonata, proksime de Sendai.—Ĉe Scienca kaj Teknika fakultatoj de Tohoku Universitato komenciĝis kurso sub gvidado de S-roj Kajaba kaj Kikuzaŭa.—Ĉe la societo kurso kun 14 p. sub gvidado de S-ro O. Muto.

**HAKODATE**. Dank' al klopodo de S-roj C. Mita, S. Takakuŭa kaj O. Toraŭatari, fondiĝis Hakodate Esperantista Societo.—De la novembro malfermiĝis ĉe Hakodate Mainici-Ŝinbunŝa kurso sub gvidado de S-ro S. Takakuŭa.

# Ĉefverkoj ĉe la IIIa Belarta Ekspozicio,

## Arangita de Imperia Belarta Akademio.

## Novembro 1921.



BIĜA'ISTINO*
De Sino. Ŝ. ITO



ARBARO
De Sro. K. KAŬAKITA

*Biĝa estas unu el japanaj muzikiloj, kiu similas al mandolino.





VIRINO (OLA PENTRAĴO)
De Sro. J. SASAKI

# LITERATURO

## Hagoromo.

Unuakta Dramo.

De J. Nagajo.

### Sceno Dua.

(Daŭrigo)

**Fiŝkaptisto.**—Certe, al kio ajn vi ordonas al mi. Tamen, vi ne forlasu min, mi petas.

**4a ĉielulino.**—Vi forprenis de mi mian flugilmantelon kaj intencis forlasi min, tial ni ploradis. Neniam mi forlasos vin.

**Fiŝkaptisto.**—Pardonon, mi petas. Mi redonu al vi la flugilmantelon. Ne forlasu min. Nu, mi ne havas kompetentecon edziĝi kun vi, ĉar mi estas malsaĝa kaj faris malbonon. Sed.........

**1a.** — Do vi ĵuru, ke de nun vi ne faros malbonon kaj estos bonulo.

**Fiŝkaptisto.**—Jes volonte mi ĵuras.

**2a.** — Nekapablan aferon mi ne deziras de vi. Kaj vi ĵuru ankaŭ, ke vi honeste laborados.

**Fiŝkaptisto.**—Volonte mi ĵuras.

**3a.** — Ankoraŭ unu. Vi ĵuru, ke vi estos ĉasta, ĉar via granda kulpo devenas de virino.

**Fiŝkaptisto.**—Je dio mi ĵuras.

Pli kaj pli eketendiĝas matenruĝo.

**4a.** — (*karesante la kapon de la fiŝkaptisto kvazaŭ ŝi benas lin*).—Bonege. Benon al vi ambaŭ!

**Fiŝkaptisto** (*kaptante ŝin je maniko*).—Je dio mi amas vin. Ne forlasu min. Eĉ unu el vi restu apud mi.

Tiun ĉi momenton malfermiĝas la pordo neatendite. Kaj lia edzino kun la flugilmantelo aperas kvazaŭe freneza.

**Edzino**.—Mia dio! Diablo ilin prenu! (*disigante siajn kapharojn ŝi falas teren ploranta.*)

**4a.** — Ne kulpigu min, mi petas, pro ke mi maltrankviligis vin ambaŭ. Mi faris tion nur por, ke vi estu feliĉaj.

**Edzino**.—Kia feliĉo!? Vi forlogis mian edzon, kaj anstataŭe vi donis al mi tiel strangaĵon. Kia ofendigo! Mi multe bedaŭras, ke mi estas trompita kaj trovis tion ĉi altvalora trezoro. (*ŝi redone alĵetas ĝin*). Nu, for de ĉi tie tuj kun ĝi, fivirinaĉo! Neniel mia edzo povas esti interŝanĝita je tia alkracindaĵo.

**Fiŝkaptisto**.—Jam sufiĉas ofendiga murmuraĉo, malsaĝulino! Kompreneble, vi ne povas klare vidi la ĉielulinojn pro, ke viaj okuloj estas vualitaj per okulmuko tiel malpura. Kiel malbenita vi estas! Efektive, mi trovas vin tute fremda, malgraŭ mia edziño.

**Edzino**.—Kompreneble. Via amo al mi jam malvarmiĝas kaj vi trovas min, povas esti, tute fremda. Ne rimarkante, ke vi estas trompita de la maskevestitaj vulpoj, efektive, vi mem dezertigas vian koron. Eĉ se revekiĝinte vi plorus kaj petus de mi pardonon, tamen mi ne pruntos al vi miajn orelojn. Ho ve! Diablo lin prenu!

**4a.** (*detenante lin, kiu pro kolero estas freneze sinĵetonta sur sian edzinon*). — Hontu! Kompreneble, vi devas

danki kaj ami vian edzinon, kiu amas vin plimulte ol oron, arĝenton kaj riĉecon. (*metante manon sur ŝian kapon*). Kolero for el la kapo de ĉi tiu virino! Paco kaj mildeco revenu en la koron de ĉi tiu virino! (*desegnante per flugilo rondon super ili ambaŭ*). Konstanta kaj porĉiama amo profunde kaj forte kunligu tiujn ĉi geedzojn! Honesteco, ĝentileco, boneco kaj diligenteco floradu ĉe tiuj ĉi gehomoj! (*la kvar ĉielulinoj kune flirtigas siajn flugilojn super la kapoj de la geedzoj*).

Matensuno leviĝas. Radioj de la suno belege rebrilas ĉe la dorso de la ĉielulinoj.

**Edzino** (*momenton ŝi suprenrigardas la ĉielulinojn kaj sentas sin kvazaŭ minacata.*—Pardonon! Pro honto mi ne povas levi mian vizaĝon. Kiel malnobla fariĝis mia koro!

**Fiŝkaptisto** (*rigardante al la ĉielo kvazaŭ li ankoraŭ songâs songôn*).—Ho, mi apenaŭ, ŝajne, elreviĝis el la songô. Por unua fojo mi hodiaŭ povis preĝi al la matensuno kun tiel freŝe pura koro.

**Edzino.**—Ankaŭ mi sentas min, ŝajne, reviviĝinta. Sed pro honto ankoraŭ nun mi ne povas preĝi al la matensuno.

**Fiŝkaptisto.**—Ho, ĉielulinoj, senkulpigu tiun ĉi senpripensemulinon, mi petas!

**1a.** — Pardoni estas nia okupo. Tial de komenco neniam mi havis malican koron kontraŭ vi.

**2a.** — Kontraŭe mi volus peti de vi pardonon. Ĉar, verdire, ni prezentis la scenon nur por venigi tiel kontentigan rezulton.

**3a.** — Do vi ĝoju! Dio malfermis al vi pordon. Tial, ju pli vi restos fidela al la promeso, kiun vi faris

al ni, kaj laborados diligente, dès pli feliĉo florados ĉe vi. Kaj kiel plej feliĉa familio en la mondo vi estos amataj ne nur de homoj sed de dio.

**4a** (*kun ĝojo*).—Dio en la ĉielo, mi dankas vin pro, ke vi plenumis mian deziron. (*al ili ambaŭ*). Do mi adiaŭas vin. Ne forgesu min.

**1a.** — Adiaŭ. Koran dankon!

**2a.** — Adiaŭ. Dank'al vi mi sentas min forta kiel iam antaŭe.

**3a.** — Adiaŭ. Dank'al vi ni povas reveni ĉielen.

La kvar ĉielulinoj pli kaj pli suprenflugas al la ĉielo bele flirtigante la flugilojn.

**Fiŝkaptisto** (*momenton raviĝeme sekvas per la okuloj ilin kaj poste sin turnante al sia edzino.*)—Ĉu ni ankoraŭ songas songon?

**Edzino.**—Vi, karulo, ni estas en reala mondo!?

Ili ambaŭ ĉirkaŭprenas.

(Kurteno.)

Trad. K. Verda.

---

# El Japanaj popolkantoj

Malamiko ja mono,
Mallibera ja korpo,
Sed nur mia koreto—
Posedaj' de l' karulo!

Tradukis Jugao Hirano.

大正十年十二月十五日印刷
大正十年十二月二十日發行

編輯兼發行人
印刷人 福田國太郎
大阪府泉北郡濱寺町字船尾七七九

發行所 ヴェルダ・ウトピーオ社
大阪市南區上本町七丁目五二六五